# Fenikso

**FORUMO DE ESPERANTO NEDERLAND**

**www.esperanto-nederland.nl**

**Dumonata membrogazeto de Esperanto-Nederland**
ISSN 1384-6515

Membroj de Esperanto Nederland ricevas la gazeton; la jara kotizo estas € 30,-- (por samdomanoj € 10,--); membroj de NEJ pagas € 15,-- (ties samdomanoj € 5,--); *Fenikso* estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 17,50. Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio**: <redakcio@esperanto-nederland.nl>
Gerrit Berveling
Van Vredenburgweg 435 - 2284 TA Rijswijk, Nederlando
+31 (0)70-2134914 - <gerritberveling@ziggo.nl>.

**Esperanto Publike**: Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe la redaktoro Gerrit Berveling, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme
Albert-I-straat 44 - BE 1703 Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro**: Eriko, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado**: Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

**ESPERANTO NEDERLAND**

*Prezidanto:* vakas.

*Sekretario:* PROVIZORE uzu la adreson de Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 EW Groningen
Tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>

*Membro-Administranto*: Remment Balk, Egeïsche-straat 42, 8303 EN Emmeloord. tel.: 0527-23 93 78; <membroj@esperanto-nederland.nl>

*Kasisto*: Wald ten Hagen, Noordeinde 27, 1141 AG Monickendam, <kasisto@esperanto-nederland.nl>.

*Bankkonto*: IBAN : NL10 TRIO 0786 8441 67 nome de ESPERANTO NEDERLAND, Monickendam; UEA-konto: esne-h.

*Instruado:* Rob Moerbeek, Zwaansmeerstraat 48, 1946 AE Beverwijk; tel. 0251-23 10 79 <moerbeekr@gmail.com>

*Ĝemelaj Urboj:* Pieter Engwirda, Wighenerhorst 49, 6603 KH Wijchen; tel. 024-645 51 33 / 0622-60 33 79 <pieter.engwirda@gmail.com>

*Informado/informmaterialo*: Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 EW Groningen; tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>

*Studie-weekeinde*:
<studosemajnfino@esperanto-nederland.nl> aŭ Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen

## ENHAVO

| | |
|---|---|
| De via redaktoro | 2 |
| De la estraro | 3 |
| El mia leterkesto | 7 |
| De Ronaldo | 7 |
| Revuoj ricevitaj | 8 |
| Esperanto publike | 8 |
| Ne forgesi pri... | 8 |
| Fimeto rete | 9 |
| Goslinga-kolekto | 9 |
| Raportaĵoj | 10 |
| Invitoj | 11 |

## Alvoko

**Bv sendi estonte viajn bildojn, fotojn k.s. al la redaktoro! Via revuo bezonas vian subtenon!**

**GB**

## Datolimo

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la komenco de marto 2016. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin.

## Ĉe la frontpaĝo

Tiu vi vidas kelkajn bildojn el la Goslinga-kolekto je paĝo 9 (sendis Ineke Emmelkamp)

## De via redaktoro

La nuna numero supozeble atingos vin iom malpli frue ol kutime, ĉar la estraro iom longe laboris pri siaj komunikoj. Tamen ĉio atingos vin ĝustatempe por nia **JUBILEA JARKUNVENO.**
Venu cxiuj!
Ĉi-foje estas vere minimume da ilustraĵoj – kulpas vi mem: sendu do multe pli regule ilustraĵojn por nia FENIKSO

Gerrit Berveling



# DE LA ESTRARO

1] **Jarkunveno de Esperanto Nederland 2016**

*La estraro de Esperanto Nederland alvokas la membrojn de la asocio partopreni ĉi tiun specialan jubilean kunvenon, invitante ankaŭ specialan gaston. Samloke sekvos esperinde interesa posttagmeza programo.*

**Tagordo de la 25-a jubilea ĝenerala kunveno de Esperanto Nederland, kiu okazos de la 10 h ĝis la 13 h la 28an de majo 2016 en "De Kargadoor", Oude Gracht 36, Utrecht (tel. 030-2310377).**

Membro povas reprezenti maksimume du aliajn, se li aŭ ŝi transdonis la subskribitajn mandatojn al la registranto antaŭ la komenco de la kunveno.

00. **Alveno** ekde la 10h00.
**01. Malfermo de la ĝenerala kunveno** je la 10h30. Rememoro de la forpasintaj membroj.
**02. Fikso de la tagordo; envenintâjoj.**
**03. Protokolo** pri la ĝenerala kunveno en 2015. Vi trovos tiun protokolon en ĉi tiu numero.
**04. Agadraportoj pri 2015.**
**05. Financaj raportoj pri 2015.**
*5.1. Raporto de la kaskontrolkomisiono.*
*5.2. Rezultkonto pri 2015*
*5.3. Bilanco je 31-12-2015.*
**06. Proponoj**:
*6.1.Propono de la estraro*: fikso de la kotizoj por 2017: La estraro proponas ne ŝanĝi la kotizojn: la baza kotizo restas 30 eŭroj.
*6.2.Buĝeto kaj laborplano 2016; prognozo por 2017.*
**07. Elektoj**
*7.1.Estraro*: Wald ten Hagen demisias kaj ne estas reelektebla. La estrarano Pieter Engwirda estis elektita por la periodo 2013 - 2016, sed estas reelektebla. Novaj kandidatoj pretaj eniri la estraron estas la membroj de nia asocio Said Baluchi kaj Andries Hovinga, kiuj ĉeestis estrarkunvenojn kaj deklaris sin pretaj surpreni estrarajn taskojn.
Bezonataj estas kasisto, prezidanto kaj sekretario. La taskon de la kasisto faciligas Ralph Schmeits, kiu pretas plu administri la financon. La membran administradon zorge plenumas Remment Balk. Por la kasisteco kandidatas Loes Demmendaal, kiu nun estas komitatano A por Nederlando; UEA petas konfirmi ŝin en tiu funkcio por nova periodo 2016-2019.
Ĉar ne decas, ke Esperanto Nederland longe restu sen prezidanto kaj sekretario, por unujara plenumado de tiuj funkcioj kandidatas respektive Rob Moerbeek kaj Pieter Engwirda, sed ni bezonas kontraŭkandidatojn.



*7.2. Kaskontrolkomisiono.*
*7.3. Arbitracia komisiono.*
En la komisiono estas Anneke Schouten-Buys (2013-2016), Johan Swenker kaj Marc van Oostendorp (ambaŭ 2014 - 2017). Por Anneke Schouten-Buys necesas (re)elekto.
*7.4. Nova komisiono por la Verloren van Themaat-premio.*
**08. Jubileantoj**
Ni honoras tiujn, kiuj festas sian 50-jaran membrecon, kaj laŭde mencias tiujn, kiuj antaŭ 25 jaroj aliĝis al nia asocio.
**09. Informoj pri diversaj temoj**.
Interalie la Beneluksa kongreso, kiu okazos en Lier (BE), la 10-an kaj 11-an de septembro 2016.
**10. Verloren van Themaat-premio.**
La ĵurio anoncas la gajninton.
**11. Ronddemando.**
**12. Fermo.**

Pri la posttagmeza programo: Ni donas okazon montri en po 20 ĝis 30 minutoj la manieron en kiu niaj aktivuloj informas la publikon pri Esperanto.
**La estraro petas (kontraŭ)kandidatojn pro la prezida kaj sekretaria funkcioj en la estraro, kaj pliajn volontulojn por la protokolado, kiun lastfoje devis plenumi Wald ten Hagen. Jam nun utilas trovi novan membron de la arbitracia komisiono.**
Kaj krome ni alvokas
1) la lokajn kaj fakajn grupojn sendi **koncizan jarraporton pri 2015** al: estraro@esperanto-nederland.nl
2) Ni denove invitas vin **helpi al retkursanoj**: se vi pretas konversacii kun finintoj de la kurso Duolingo, pingveno, lernu.net k.a. (samkiel okazis siatempe por "Esperanto en etapoj"), bv informi nin per moerbeekr@gmail.com
3) Sed ĝuste por respondece helpi al la atendeblaj retkursanoj ni tre rekomendas **partoprenon en instru-kleriga semajnfino**, por kiu Katalin Kováts sendis detalan projekton. Ĝi celas iom altan lingvonivelon (prefere C1). Bv anonci vin por ke ni sciu ĉu la plano estas realigebla en nia lando.
4) Bv atenti ankaŭ nian **alvokon por la posttagmezo post la Ĝenerala Kunveno** de 28 majo: pri via maniero informi la publikon pri Esperanto. Ni aŭdis pri tre sukcesaj standoj kaj prezentoj.
5) Bv informi nin, ĉu vi planas partopreni la **Beneluksan Kongreson** (11-12 sept.)
6) Pri via juĝo, ĉu indas ĉiujara komuna numero kun "Horizontaal" bv. informi nin.

Pro la akumulado de taskoj, Rob Moerbeek petas transpreni kelkajn el la ĉ. dek diversaj, apenaŭ serioze plenumeblaj. Bv kontakti per la retadreso indikita ĉe 2).

**2 ]Protokolo de la 24a ĝenerala kunveno de Esperanto Nederland, okazinta la 13-an de junio 2015 de 10h30 ĝis 12h30 en “De Kargadoor”, Oude Gracht 36, 3511 AP Utrecht.**

**00. Akcepto**

Pri la akcepto respondecas Ans Bakker-ten Hagen. Ĉeestas komence 24 partoprenantoj, poste 25. Do, entute ĉeestas 25 validaj voĉoj.

**01. Malfermo.**

Ineke Emmelkamp malfermas la kunvenon je la 10h45. Multaj alvenis malfrue.

Momento de silento estas por niaj mortintaj membroj, nome: sinjoroj S. de Kort, W. van der Linden, C. van Dijk, R. Bossong, W. Cortus en H. Bakker; sinjorinoj C.T. Behr-Kunst, A.M. Demmendaal-op den Brouw en S. van Westrhenen (jam en 2013).

Poste la prezidantino instalas voĉdonkomisionon: Bert de Wit kaj Ronaldo Nobel.

Sep personoj menciis, ke ili ne povos veni.

**02. Fikso de la tagordo**

Al la tagordo aldoniĝas:
6.1 Kotizo por 2016

**04: komunikoj.**

Hiddo Velsink kunportis librojn, el la postlasaĵo de iu sinjoro en Bilthoven. Cetere estas novaj libroj aĉeteblaj. Gerrit Berveling kunportis revuojn, kiujn li ricevis kiel redaktoro; ili estas libere haveblaj.

**04. Komunikoj**

Arjen-Sjoerd de Vries komunikas pri la sekvo de la rikoltotago en februaro. Nova tago estas fiksita: la 10-an de oktobro; ĉiuj estas bonvenaj. Estas 3-persona komisiono: Bert de Wit, Arjen-Sjoerd de Vries, Madzy van der Kooij. Arjen-Sjoerd disdonas la liston kun 14 demandoj; li petas ĉiujn elekti tri demandojn. Ankaŭ eblas poste fari tion retpoŝte.

Cetere li mencias, ke tri personoj pretas transpreni la taskojn de ges-roj Lathouwers rilate studsemajnfinojn. En marto 2016 la komisiono de Ineke Emmelkamp, Lilian van den Burg kaj Arjen-Sjoerd ekagos.

**03. Protokolo** pri la 23-a ĝenerala kunveno en 2014.

Akceptita, kun danko al la protokolistino.

**04. Agadraporto pri 2014**

Rob Moerbeek ĵus legis la agadraporton de la Norvega landa asocio. Tie oni eĉ mencias klubojn de nur 2 personoj. Tiamaniere eĉ Merkurio ekzistus.

Li aldonas, ke gratulservo estas grava instrumento por teni membrojn. Iu sinjorino ĉe NoSoBe telefonas maljuniĝintajn membrojn. Ineke Emmelkamp kelkfoje sendas kartojn al kelkaj.

Ans Bakker demandas al Rob, kiu farus la telefonadon. Ne estas la momento nun pridiskuti tion, sed la estraro pripensos la aferon. Els van Dijk sugestas ke eble nur sendi karton estas iom pli simpla afero por fari ol telefoni. Ŝi faris tion por KUNE siatempe. Kartoj ĉiam estas bonvenaj laŭ ŝi.

Oni akceptas la agadraporton kaj dankas la kompilistinon.

**05. Financaj raportoj pri 2014**

*5.1 Raporto de la kaskontrol-komisiono*

Bert de Wit laŭtlegas la jesan raporton de la komisiono: Gerrit Berveling kaj Bert de Wit. Ili trovis ĉion en ordo, kaj dankas la kasiston. La membroj malŝarĝas la kasiston aplaŭdante.

*5.2 Rezulto pri 2014*

Wald ten Hagen raportas, ke la rezulto en 2014 estis - € 12.055,72,--. Estas 7,5% de la kapitalo. Kaŭzoj: - La katedro nun funkcios sub la aŭspicioj de UEA. La universitato duobligis la necesan sumon, nun ĝi kostas € 20.000,-- jare. Esperanto Nederland pretis subvencii la duonon de tiu sumo. Duono de la sumo estas ĉiam pagata al la profesoro, la alia sumo estas varia sumo, kiu dependas de la katedraj agadoj.

- La antaŭpagoj de estrarkunvenoj kaj jarkunveno de 2015.

- Nia komitatano Loes Demmendaal ĉeestis la komitatkunsidojn dum la UK en Buenos Aires, tial la vojaĝkostoj estas altaj.

- La altaj bankkostoj estis rezulto de malsukcesaj enkasiĝoj, du fojojn. Kaŭzo estas malklareco de procedo.

Kelkaj kostoj estis pli malaltaj ol ni antaŭvidis:

- La kostoj de *Fenikso* estas po € 2,60 por numero. Grafika Centro daŭre estos la presisto de la Fenikso.

- *Merkurio* ne plu ekzistas kaj donis la monon al Esperanto Nederland: € 760,--. Estas menciite ĉe «informado».

- Ni ŝparis multe da mono pro tio, ke la jarkunveno denove okazas en la Kargadoor.

La enkasigo de kotizoj estas bona: estas 85 rajtigiloj. En 2014 90% de la membroj pagis sian kotizon, sekve mankas tamen pli ol € 2.000,--, ĉar kelkaj ankoraŭ ne pagis. Tiuj, kiuj ne pagis, ricevis mesaĝon de la kasisto. Ni dankas Pieter Engwirda, kiu telefonis al multaj membroj por efektivigi tion.

Ne estas demandoj pri la rezultkonto pri 2014.

Esperanto Nederland serĉas novajn estraranojn: prezidanto kaj sekretario. Sen ĉi tiuj personoj la organizo ne povas pluvivi.

*5.3 Bilanco je 31-12-2014*

Denove ne estas demandoj, ĉar tre klaraj klarigoj, do akceptita.

**06. Proponoj**

*6.1. Propono de la estraro:* fikso de la kotizoj por 2016. La estraro proponas ne ŝanĝi la kotizojn: la propono estas akceptita. Oni **rajtas** kompreneble pagi pli. Rob Moerbeek sugestas iom pli pagi se oni kapablas, ĉar Esperanto Nederland ne daŭre povas frandi la kapitalon. Certe necese estas pri informado kaj instruado.

*6.2 Buĝeto kaj laborplano 2015.*

Pri la katedro: € 5.000,-- Esperanto Nederland tuj pagas, por la alia € 5.000,-- UEA sendas fakturon kun klarigoj, pri la variaj kostoj. Eblas ankaŭ iom pli pagi se li alimaniere instruas Esperanton. Kutime la instruado estas kalkulita en la regula € 5.000,--.

*6.3 Ŝanĝoj de statutoj kaj huishoudelijk reglement.* (Dit gaat in het Nederlands, want genoemde documenten zijn in het Nederlands).

Er werden wat fondsen genoemd in het huishoudelijk reglement, en dat was wat ingewikkeld qua administratie. Gekozen is om ze «Celoj» te noemen, maar het fonds als zodanig af te schaffen. Faulhaber-celo, Mabesoone-celo worden nog wel genoemd, om de namen niet verloren te laten gaan. Art. 25 wordt dan aangepast. Ans Bakker vraagt, of het leerstoelfonds ooit nog wel iets heeft opgeleverd. Volgens Ineke Emmelkamp alleen het eerste jaar. Het doel moet nog steeds zijn, om in en bij de universiteit iets met Esperanto te doen.

Bert de Wit vindt, dat we iets moderner moeten handelen: iets met crowdfunding doen; kan prima via de website. Dan moet er wel echt een project geformuleerd worden. Punt voor 10 oktober.

De Verloren van Themaatprijs staat nog in guldens, dat wordt nu in euro’s. F 500,-- → € 250,--, dus een kleine verhoging.

Els van Dijk komt nog even terug op de leerstoel. Wim Jansen was communicatief naar Esperanto Nederland. Zij vraagt, wat Federico Gobbo doet. Hij schrijft iets op de website, het komt niet in *Fenikso*. Niet iedereen leest de website; datzelfde geldt trouwens ook voor *Fenikso*. Esperanto van UEA heeft altijd iets van Federico over wat hij doet.

Hans Erasmus meldt, dat Gobbo een bulletin in het Esperanto maakt, helaas niet in andere talen. Binnenkort gesprek tussen hen om dat bulletin tweetalig te maken: Esperanto en Nederlands.

Onderaan bij Faulhaber: art.25, lid 1 : ”te” moet er uit. Ineke zal Koos en Frans vragen de veranderde artikelen op de website aan te passen. Het huishoudelijk reglement hoeft niet via de notaris.

**07. Elektoj.**

Ineke Emmelkamp demandas, ĉu iu vere deziras skriban voĉdonon. Neniu deziras.

*7.1 Novaj estraranoj* ĉiam estas bonvenaj. Juri Smolders ne ĉeestas; dum unu jaro preskaŭ ne estas kontakto kun li. Li ne sendas kopion de sia identigilo, do ne povas esti enskribita en la registro de KvK. La estraro decidas, ke li ne plu povas esti membro. Ans Bakker diras, ke li ne mem demisias. La estraro do devas peti lin demisii. Absolute teorie li restas estrarano ĝis sekvonta jaro. Rob Moerbeek diras, ke li unue estis ege aktiva, kaj ke ni devas zorge pritrakti lin.

Ineke Emmelkamp demisias kaj ne estas reelektebla, sed certe ne malaperas el Nederlanda Esperantujo. Do, restas nur tri estraranoj. Ŝi estas membro de la studsemajnfina komisiono.

Rob Moerbeek ankaŭ demisias, sed estas reelektebla. Komence de la jaro li havis gravan sanproblemon. Se neniu volas transpreni lian taskon, li daŭrigos,sed li volonte transdonos al pli juna persono. Ans Bakker jam dankas lin pro lia multa laboro. Li estas aplaŭde akceptita.

Els van Dijk alparolas Ineke. Ŝi konas Ineke jam de ŝia 15-jaro. Ŝi forte laŭdas Ineke pro ŝia multa labora. Trovi anstataŭanton estos tre malfacile, do ŝi korege dankas ŝin.

Oni ankaŭ povas veni por “gustumi” la etoson. La estraro kunvenas 5 - 6 fojojn jare.

*7.2 Kaskontrolkomisiono*

Ĉu la samaj homoj rajtas esti elektitaj aŭ ne? La samaj estas elektitaj: Loes Demmendaal restas, Bert de Wit kaj Gerrit Berveling demisias. Rudi Koot proponas aliĝi, same kiel Franklin van Zoest. Du personoj kontrolas, la tria estas rezervulo.

*7.3 Arbitracia komisiono:* la samaj personoj restos denove. Ili estas membroj de Esperanto Nederland: Marc van Oostendorp, Anneke Schouten-Buijs kaj Johan Swenker. Ili en tiu komisiono havas nenion por fari ĝis nun. Venontjare oni bezonas novan membron de ĉi tiu komisiono.

**08. Informado pri diversaj temoj**

*8.1 Goslinga-kolekto:* ĉio estas en Roterdamo nun. Oni devas elekti la objekton, kaj poste foti ĝin.

*8.2 Drongo-festivalo.*

Lastjare ĝi estis ege sukcesa tago en la biblioteko de Amsterdam. Andries Hovinga konfirmas tion. Ĝi estis tiel sukcesa, ke oni decidas havi ĝin nun dum du tagoj. Bert de Wit diras, ke li eble povas fari kune kun alia organizo. Pri instruado li kontaktos Federico Gobbo. Se ni estas tie dum du tagoj, devas esti multaj voluntuloj. Estas festivalo pri lingvoj, do Esperanto Nederland nepre devas ĉeesti. (Alvenis 25-a membro). Ĉu iu kontraŭstaras? Ronaldo Nobel demandas la datojn: 25a-26a de septembro en Utrecht; Ans Bakker malkonsilas utiligadon de stando kune kun alia organizo. Ineke Emmelkamp konsentas. Gerrit Berveling volas kunhelpi. Pieter Engwirda havos kontakton kun Federico Gobbo por aranĝi ion tie. Tio ne estos senpaga, sed Federico Gobbo havas bonan statuson. Ineke ankaŭ ĉeestos du tagojn. Andries Hovinga ankaŭ ĉeestos. La estraranoj supozeble ankaŭ deĵoros.

*8.3 Semajnfino en la suda parto de Nederlando.* Unu programo, unu manĝejo. Pli miksita ol en Wijk aan Zee. Datoj: 30a kaj 31a de oktobro, 1a de novembro. Bert de Wit ankaŭ instruos. Marijke Lathouwers ne, ĉar ŝia edzo malsanas. Katalin Kovats estas petita, sed ŝi ne povas. Pluraj instruistoj de rekta metodo estos bezonataj. Rob Moerbeek mencias, ke NGGE havas sian kulturan tagon en la aŭtuno. NGGE prezentos tie ion pri la Slovaka literaturo.

*8.4 Bert de Wit* mencias ke oni povas aranĝi *provlecionojn* en la biblioteko de Haarlem, la 29-an de aŭgusto. Ans Bakker demandas, ĉu la estraro jam decidis ion pri la Roots-festivalo. Se oni devas elekti inter Drongo kaj Roots, Drongo estas laŭ ŝi preferinda. Ans Bakker demandos la 14-an de junio en la Amsterdamo Rondo ĉu Miko pretas fari ion. Ineke promesas helpi per materialoj.

**09. Jubileantoj**

Estas kelkaj 25-jaraj jubileantoj: S-ro Gerrit Berveling, S-ro Wald ten Hagen, S-ino Tanja van Huis, s-ro W.A. Luiten, s-ino Ria Neep, s-ino Romana Ruig, s-ino Jellie Westerhof, s-ino Wijnia. La du unue menciitaj ĉeestas kaj ricevas karton. La aliaj ricevos ĝin poŝte.

50-jara jubileanto: s-ro Edwin Burg. Li ne ĉeestas, kaj ricevos diplomon poŝte. Ineke Emmelkamp laŭtlegas tekston, kiun ŝi trovis rete. Li naskiĝis en NL Indië, transloĝiĝis Nederlandon, studis, laboris ktp. Li ege aktivis en Nederlanda Esperantujo, inter alie en L.E.E.N. kaj IEI.

**10 Verloren van Themaat-premio.**
La ĵurio, kiu konsistas el Els van Dijk, Joke Hoobroeckx kaj Kees Hoeijenbos, ĉi-jare ne atribuas la premion, bedaŭrinde. La komisiono petas la ĉeestantojn sendi proponojn. Els van Dijk konstatas, ke plej ofte ne eblis trovi kandidato. Temas pri kalendara jaro. Ineke Emmelkamp aŭdis, ke Els kaj Kees ne plu estos en la komisiono. Ŝi donas donacetojn al Els kaj sendos saman al Kees Hoeijenbos. Joke Hoobroeckx kun multaj duboj restos. Ŝi kaj Els supozas, ke novaj personoj povas havi freŝajn vidpunktojn.

**11. Ronddemandado**
*11.1 Gerrit Berveling parolas pri Fenikso.* La pasinta numero estis duobla numero kun la Flandroj. Daŭre okazas miskomprenoj. Kostas tiom da ĝeno kun la Flandroj, ke li nun mem deziras eklerni la kompiladon. Eble li ankaŭ povas peti helpon de Ralph Schmeits. Li ankaŭ mencias la librolegadon en lia hejmo. Li esperas ke venos pli da homoj: La 11-an de julio, kun lunĉo. Estas de 11 :00 – 15:00 horo.
*11.2 Ronaldo Nobel* mendis jam trilitan ĉambron en Lille, do se iu bezonas liton, tiu diru tion.al li.
*11.3 Ans Bakker* transdonas salutojn de Stella de Weerdt el Belgio.
*11.4 Rob Moerbeek* mencias, ke la jarkunvenon de NGGE nur vizitis la du estraranoj: nur Simon Smits kaj li. Simon Smits surprenas sur si ĉiujn taskojn.
*11.5 Simon Smits* aldonas ke li serĉis la tagordon de ĉi tiu kunveno en la retejo. Ineke Emmelkamp sendis ĝin retpoŝte kaj ĝi estis en Fenikso de marto
*11.6 Wil van Ganswijk* demandas, kiu iam vidas anoncojn rete pri senpaga instruado de Esperanto. Ĉu aliaj personoj vidas ĝin, oni ne scias. Wil van Ganswijk hejme havas kvar kursanojn. Rob Moerbeek petas transdoni informojn pri kursoj al NGGE. Unesco ankaŭ volas scii pri tio.
*11.7 Marjet Erasmus* doet het in het Nederlands; zij wil deze vergaderingen in het Nederlands, zodat niemand iets mist. Op 26 juli is er een Esperantodag. Brian Barker heeft velen al met mails bestookt. Het UK is dan bezig. De oranje poster is dan in alle landen, waar Esperanto gesproken wordt, op het web te zien. Zij vraagt zich af, of het bestuur hier aandacht aan heeft besteed. Het is de bedoeling op zo'n manier in het land duidelijk te maken, dat er een Esperanto-congres is. Ineke zal een basis persbericht op de website te zetten en dat naar leden te sturen. Het is al de derde keer dan Brian Barker deze oproep doet.
*11.8 Marjet Erasmus* is benaderd i.v.m. een klein festival in Leiden. De bedoeling was het 18e sonnet van Shakespeare voor te lezen op Pinksteren. Zij heeft rondgeschreven om te vragen, wie dat wilde doen. Jolanta van Holsteyn heeft dat gedaan in de vertaling van Reto Rossetti. Zij vertelt er iets over. Het was in het kader van bijbelverhalen, over de twaalf apostelen, die andere talen spraken. Er zijn 12 talen uitgezocht. De organisator is een bekende dichter in Leiden. Russisch, Spaans, Hongaars en Engels waren onder de andere talen. Hij heeft ook een mooie inleiding over Esperanto gehouden. Het is zo goed gevallen, dat hij zoiets elk jaar wil doen. Aanvullend: Gerrit Berveling is dit jaar bij de Rotterdamse Operadagen weer aangesproken (door iemand uit publiek), omdat hij er vorig jaar bij was bij een voorstelling over Moresnet en Esperanto.
*11.9 Rob Moerbeek* mencias ke la 6-an de junio ĉe la Mondfederalistoj li prezentis Esperanton. En aŭtuno ili havos kvaronhoron por prezenti.
*11.10 Bert de Wit* mencias, ke aliaj havas ankaŭ ideojn: «Urbo kune» estas projekto en Amsterdam de ne-Esperantistoj. Ne estas interligo kun UEA. Eble Pieter Engwirda povas kontakti ilin.
*11.12 Ineke Emmelkamp* mencias ke venontjare la GEK estos en Munkeno. Ŝi vizitis la GEK-on en Hameln. Estis bona kongreso.
Ŝi trovis ion pri anglalingva programo (Duolingo), per kiu 5000 homoj eklernis Esperanton. Post kelkaj minutoj venos surprizo.

**12. Fermo**
Wald ten Hagen fermas. Oni aplaŭdas Ineke Emmelkamp por ŝia laborego dum la jaroj. Li havas donacojn por Ineke. Ŝi estos dumviva honora membro de Esperanto Nederland. Estas ŝia dua honora membreco: ankaŭ de NEJ ŝi estas honora membro. Ŝi jam ricevis florojn dum la lasta estrarkunveno, la 150-a de Esperanto Nederland. Ŝi ricevas cetere fotolibron; Esperantan insignon kun 50 sur ĝi; pralinojn de Leonidas kaj valorkuponon. Ŝi dankas por la donacoj.
Ŝi por la lasta fojo fermas la jarkunvenon de Esperanto Nederland, je la 12:35a.

MvdK, Utrecht/Rijswijk

**3] Libroservo dum la membrokunveno**
Surloka libroservo verŝajne ne funkcios dum la membrokunveno, sed ĉi-jare vi ja povas antaŭmendi librojn k.a. kaj ricevi tiujn en la membrokunveno sen aldonaj sendokostoj. Se vi volas utiligi tiun servon, bonvolu fari vian mendon en la Reta Katalogo de UEA: katalogo.uea.org, plej laste en merkredo la 25an de majo antaŭ 12.00 h. Ĉe la mendo, vi menciu ke vi volas ricevi la librojn en la membrokunveno de EN (sabaton 28 majo 2016).

Kore salutas Ralph Schmeits



__Marjorie Boulton__ (1924) estas angla aŭtorino, verkanta kaj en la angla lingvo kaj en Esperanto. Ŝia verkaro ampleksas poeziaĵojn, dramojn, novelojn, rakontojn kaj eseojn. Krome ŝi tradukas. De la 27a de septembro 1953 ĝis la 8a de majo 1954, Marjorie Boulton kaj William Auld korespondis poŝtkarte. El ĉi tiuj 'Rimleteroj' mi proponas unu poemon.

| LUNO | *MAAN* |
|---|---|
| **Febre flavruĝa, froste pala,** | *Koortsachtig rossig, ijzig bleek,* |
| **aŭ en nubranda aŭreolo,** | *of in 'n omwolkt aureool,* |
| **la ripetema, nebanala** | *geneigd om zich te herhalen, (de) niet banale* |
| **luno restadas amsimbolo;** | *maan blijft een liefdessymbool;* |
| | |
| **mortaj vulkanoj, blankaj valoj** | *uitgedoofde vulkanen, blanke dalen* |
| **ŝajnas, per mensa tajdotiro,** | *schijnen, door geestelijke "eb en vloed",* |
| **la rigardanto de fataloj,** | *de toeschouwer te zijn van lotsbestemmingen,* |
| **la hipnotisto de sopiro.** | *de hypnotiseur van het verlangen.* |
| | |
| **Aliaj geamantaj ostoj** | *Andere gebeenten van geliefden* |
| **sub tiu luno senpersona** | *onder deze onpersoonlijke maan* |
| **ripozas en aliaj frostoj,** | *rusten in andere bevroren gronden,* |
| **ostoj estintaj, senbezonaj...** | *gewezen gebeenten, niet nodig...* |
| | |
| **Kaj multaj postvenontaj paroj** | *En vele volgende paren* |
| **kredos pri lunrigard' infane,** | *zullen kinderlijk geloven in de maneblik,* |
| **en longaj, revobrilaj staroj** | *terwijl ze lang staan te kijken, vol schitterende dromen* |
| **sub sama luno, man'-en-mane.** | *onder éénzelfde maan, hand in hand.* |

PRI LA POEMO

__Versoj 1-2.__ **Febre flavruĝa, froste pala,**
**aŭ en nubranda aŭreolo,**
Leginte la titolon, ni scias, ke ĉi tie temas pri la luno. Kiel la koloro de la luno povas esti tiom ŝanĝiĝema (variema)?
Ĉio dependas de la atmosferaj kondiĉoj ĉe ni, sur la tero.
Alia vorto por 'flavruĝa' estas kupra°. *koper*
*letterlijk:flavo + ruĝa = geelrood*
Kial '**febre**' flavruĝa?
Bela kontrasto kun 'froste pala', varmo kaj malvarmo.
Eble febra kiel la amantoj mem?
*Ni notu en verso unu harmoniajn son-grupojn: fe- bre / bre- fla – vru- fro- (aliteracioj).*
*Jen vortelekto eble hazarde° konstruita sed tamen rimarkinda.* *toevallig*

__Versoj 3-4.__ **la ripetema, nebanala**
**luno restadas amsimbolo;**
Kial la luno estus tia?
**ripetema,** ĉar la ciklo de la fazoj ĉiam ripetiĝas;
**nebanala** kvankam° oni vidas ĝin oftege° kaj jam de jarcentoj oni parolas pri ĝi. *hoewel* *zeer dikwijls*
Eble nebanala, ĉar ĝi restas, same kiel la suno, mistera?
Kial **amsimbolo**?
Eble diri ke la luno estas amsimbolo estas iom troiga°? Geamantoj aliflanke ŝajnas ami promenadi en la lunlumo? *overdreven*
Kial la luno estus amsimbolo, kaj ne la suno?
La sunon pli ofte ni ligas° al energio. *verbinden*
Kial ĝi **restadas** amsimbolo, kun la sufikso -ad-?
por montri la ege longan periodon

**Resume pri strofo 1:**
Ĉar ĝi estas tiom kutima, la luno povus impresi kiel banala, enuiga kaj tede° ripetema. Male, pro iaj kialoj la luno daŭre inspiras al ni tiun strangan senton pri amo. *vervelend*

---

__Verso 5.__ **mortaj vulkanoj, blankaj valoj**
Kio estas '**mortaj**' vulkanoj?
Tiaj, kiaj ne plu erupcias°. *uitbarsten*
Kion sugestas 'blankaj' valoj?
Neprofundaj, malfermaj, dolĉaj.
*Jen notinda en ĉi-tiu verso bela son-harmonio !*

__Versoj 6-7.__ **ŝajnas, per mensa tajdotiro,**
**la rigardanto de fataloj°,**
Kion la poetino volas diri per la esprimo 'per mensa **tajdotiro**'?
*iro = getrek; tajdo = getij, letterlijk: getijdetrek*

La luno kaŭzas la oceanan tajdon kaj nian humoron, kvazaŭ ankaŭ la homa menso konas refluon kaj fluson ("ups-and-downs").
Jam de antikvaj tempoj la homo povis konsideri la lunon kiel okulon **rigardantan** la teron.
Laŭlitere, la komparo temas pri la homa emo° rigardi la lunon kiel misteran okulon kiu observas la teron. *neiging*
Kial ni konsiderus la lunon tia?
La kontemplado de la luno ofte **logas**° nin al tiaj komparoj, ĉar ĝi jam de miloj da jarcentoj ŝajnas observi la **travivaĵojn**° de la homaro°. *lokken* *wedervaren; mensheid*
Kio do estas tiu '**fatalo**'?
Kp. PIV: Antaŭfiksita, neevitebla superega° leĝo° de la okazontaĵoj° *opperste; wet* *toekomende gebeurtenis*
Kion supozigas la unua vorto: '**antaŭfiksita**'?
Ke iu aŭ io antaŭfiksis tiun leĝon.
Kaj la vorto '**superega'**?
Ke neniu leĝo povas esti pli forta.

**Verso 8. la hipnotisto de sopiro.**
Laŭ la vortaro **hipnotisto** kreas konsciencostaton, karakterizatan de alta sugestiemo°'. *sterke neiging tot het suggereren*
La hipnotisto manipulas niajn sentojn. Do, dank' al la influo de la luno, la deziroj estas/estus manipulitaj.
*Notu: hipnoti° = troviĝi en hipnota stato* *(gehypnotiseerd zijn)*
*Oni hipnotigas/hipnotizas alian; oni metas alian en la hipnotan staton.*
Kiel klarigi tian influon°? *beïnvloeding*
Ofte la vido de la luno igas nin revadi pri tia stranga, ege mistera aĵo kaj pro tio, aŭ dank' al tio, dum kelkaj minutoj, la luno vekas, nutras nian sopiron, nian deziron.

**Resume pri strofo 2.**
La luno estas por homo io mistera! Unuflanke ĝi estas senviva aĵo, aliflanke la homo vidas ĝin kiel spektanto. Efektive, ĝi ŝajnas rigardi, eĉ observi la vivon sur nia tero. Pli eĉ: ĝi influas niajn dezirojn.

---

**Verso 9. Aliaj geamantaj ostoj**
Kial tiu aludo° al **geamantoj**? *verwijzing*
Laŭdire° amantoj havas specialan ligon° kun la luno. Oni facile povas diveni° kial ! *naar men zegt* *band* *raden*
Aliaj **ostoj**?
Do temas pri mortaj geamantoj.

**verso10. sub tiu luno senpersona**
Senpersona = **?**
Ĉu ne priloĝata° *niet bewoond*
Kie ni troviĝas en ĉi tiu verso?
Sur nia propra terglobo.

**Verso 11. ripozas en aliaj frostoj,**
Kie estus tiuj **frostoj**?
Ne nur en glaciaj landoj sed ankaŭ aliloke: ili estas tutsimple enterigitaj ie ajn, kie vivo malestas° (forestas°) do kie ne estas ia korpa varmo . *is afwezig*

**Verso 12. ostoj estintaj, senbezonaj**
Kiel kompreni 'ostoj **estintaj**'?
La ostoj daŭre plu ekzistas. Oni komprenu 'mortintaj ostoj', ili ne plu funkcias kiel 'vivantaj ostoj'.
Kial '**senbezonaj**'ostoj ?
Kp. PIV: senbezona = ne bezonata° *niet nodig*
Estante mortaj, ili estas senutilaj°. *nutteloos*
*Jen notinda **rilato**: luno senpersona... ostoj senbezonaj*
*kaj la **muzikeco** de tiu vortparo: 'ostoj estintaj' (agordo konsonantrimo).*

**Resume pri strofo 3.**
La luno frida, senviva pensigas la poetinon pri la mortaj geamantoj. Per nova 'mensa tajdotiro' ŝi nun kondukas la leganton en aliajn 'blankajn valojn' sub tiu luno, alivorte: sur nia tero.

---

**Vs 13-14. Kaj multaj postvenontaj paroj kredos pri lunrigard' infane,**
'**lunrigardo**'?
Jen grava, esprimplena vorto pri tiu ege populara ideo, ke la luno **rigardas nin**.
Kial ni emas pensi tion?
Iel° la vido de la luno povas sugesti al ni la bildon de rigardanta okulo. *op één of andere manier*
La vorto '**paroj**' referencas al kiu vorto?
Al geamantoj (verso 9) kaj al amsimbolo (verso 4).
Kial tiaj paroj kredas **infane**?
Enamiĝintaj paroj, kiel infanoj, ne kapablas rigardi la lunon objektive. Ili laŭdire emas° konsideri la lunon kiel ion vivantan. *neigen*

**Vs.15-16. en longaj, revobrilaj staroj sub sama luno, man'-en-mane.**
Kial tiuj paroj longe staras tie anstataŭ promeni?
Verŝajne ili estas kelkfoje vere impresataj° de la bela nokta spektaklo. *onder de indruk*
Pri kio ili povus revi?
Ili eble amas poezie revadi pri la mistera beleco de la spektaklo, pri neatingeblaj aŭ almenaŭ nun nur esceptokaze atingeblaj celoj°... *doeleinden*
Eble ankaŭ ili emus° revi pri ia ideala vivloko?

**Resume pri strofo 4.**
En strofo 3 temis pri la pasinteco, nun temas pri la estonteco. Kvankam la luno perdis por la moderna mondo multe de sia mistera beleco, ĝi restos amsimbolo.

---

**PLIAJ KOMENTOJ**

**La luno**

1) Kio estas la **fazoj° de la luno**? *schijngestalte*
La luno havas rondan formon, sed tiu ne ĉiam estas videbla de sur la tero. Kion ni povas vidi, tio estas la parto kiu en iu momento iĝas videbla al ni danke al la sunlumo: jen la tielnomata fazo de la luno.
2) Kio estas **novluno**°? *nieuwe maan*
Komenco de la unua fazo de la luno, kiam ĝi estas apenaŭ videbla, ĉar nur **etparte** prilumata de la suno.
3) Kiam videblas **lunarko**°? *maansikkel*
Kiam malpli ol lunduono estas videbla, inter la novluno kaj la unua fazo aŭ inter la lasta fazo kaj la novluno
4) Kaj kio estas **lunĝibo**°? *wassende/afnemende maan*
Jen fazo de la luno, kiam pli ol la duono kaj malpli ol la tuto de ĝia surfaco estas prilumata de la suno. Do, inter la unua duonluno kaj la plenluno, kaj inter la plenluno kaj la lasta duonluno.
5) Kiam ni diras ke estas **plenluno**?
Kiam la lunrondo estas plena, alivorte kiam la luno montras al ni sian tute plenan flankon.
Kiel oni povas informiĝi pri la ĉiutaga stato de nia natura satelito?
Kio estas **luneklipso**°? *maansverduistering*
malapero kompleta aŭ parta pro trairo en la ombro aŭ duonombro de nia tero.
6) Kio estas **lunatiko**°? *maanzieke*
Homo ege kaprica kaj humorŝanĝa.
Kial tia nomo?
Pro la fakto, ke la luno daŭre ŝanĝiĝas.
7) Kio estas **alluniĝi**°? *op de maan landen*
Manovri por malsupreniri al ĝi kaj suriĝi sur ĝin.
Kio estas **surluniĝo**°? *maanlanding*
La alveno sur la surfacon de la luno de spac-veturilo°. *ruimteschip*
La unua kunhoma sukcesa surluniĝo estis tiu de la usona° Apollo 11; la 21an de julio 1969. La unua homo kiu metis la piedon sur la lunon estis la usonano Neil Armstrong. *Amerikaanse*
Kial en nia moderna tempo, la luno perdis multe de sia mistera influo?
Pro la fakto, ke la homo nun sukcesis **alluniĝi**, la luno perdis multe de sia multjarcenta° mistero. *eeuwenoud*
Sed... io de ĝi, ĉar ĝi daŭre reaperas en nian vivon kiel eterna, muta° **spektanto**. *sprakeloos, stom*
Eble influas ĝia rilato kun la vespero kaj la nokto. Pro tio ĝi iel sugestas trankvilon, ripozon, revadon, tute kontraste al la suno.

**La lunkalendaro**° *maankalender*
Lunkalendaro baziĝas sur la ciklo de la lunfazoj.
Kio estas **lunjaro**?
la daŭro de dek du lunaj monatoj.
Kio estas **lunmonato**?
Lunmonato estas la tempo inter du sinsekvaj fojoj ke la luno troviĝas en la sama pozicio rilate al la tero. Ekzistas variaj kalkulmetodoj kun la sekvo, ke ankaŭ variaj rezultoj eblas.
La **islama** lunkalendaro, ekzemple, konsistas el 12 monatoj de alterne 30 kaj 29 tagoj. En tiu ĉi kalendaro la novluno estas ĉe la komenco de la monato.

**José Argüelles** (1939-2011), amerika Nov-Aĝa aŭtoro, baziĝis sur la **majaa** kalendaro kaj proponis **lunkalendaron** de 13 monatoj, ĉiu kun 28 tagoj, kaj do entute kun jaro de 364 tagoj.
Kiujn avantaĝojn tia kalendaro povus havigi?
Tia kalendaro montrus la **naturajn ciklojn**° de la luno ĉirkaŭ la tero. *cyclus*
Efektive, dum unu rondiro de la tero ĉirkaŭ la suno, la luno rondiras ĉirkaŭ la tero **13 foje**.
Laŭ tiu aŭtoro, la lunkalendaro de 13 monatoj estus bona, natura alternativo.
Efektive, la luno jam de jarcentoj influas nian vivon surtere per sia preskaŭ ĉiutaga apero en la ĉielo kaj ankaŭ i.a. pro la

